# Esperanto Hamburg



Hamburga Esperanto-Societo r.a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Aprilo / Majo (2) 2013

## En Aprilo denove floros la ŝak-floroj

Foto: Klehr


**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67



**Prezidanto:**
*Jürgen Wulff*
Wandsbeker Chaussee 185 b
22089 Hamburg
wulff@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 431 883 47
klehr@esperanto-hamburg.de


## Karaj legantoj,

la vintro jam pasis – laŭ la kalendaro, sed ĝi revenis meze de Marto kun neĝo kaj glacio. Ni atendas la finon de la vintro, sed okazis io, kion ni ne atendis: La papo emeritiĝis. Tio ne plu okazis dum kelkaj jarcentoj. Nun estis elektita *Papo Francisko*, la unua papo el suda Ameriko. Li estas Jezuito, do mi ne atendas grandan modernigon de la katolika eklezio.

En Aprilo en Hamburg komenciĝos la IGS, la *Internacia Ĝardena Ekspozicio*, en la sama kvartalo, kie jam funkcias la IBA, *Internacia Konstrua Ekspozicio*.

En Majo okazos la Germana Evangelia Eklezia Kunveno kun Esperanto-stando kaj multaj eventoj en la tuta urbo, en kiu ankaŭ partoprenos katolikoj.

Ankaŭ en Majo okazos la *Germana Esperanto-Kongreso* en *Nürnberg*, kien mi vojaĝos kun antaŭa ĝojo pro la belaj urbo kaj ĉirkaŭaĵo.

La 24an de Majo niaj membroj voĉdonu en speciala kunveno pri la akcepto de nova statuto, kiu ne ŝanĝos la klubon, sed adaptos ĝin al modernaj bezonoj. La plej videbla ŝanĝo estos, ke la nomo de la societo tiam estos **Esperanto Hamburg e.V.** – sen pliaj aldonaĵoj.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Hamburga Esperanto-Societo**

okazas en la

*Kultur-Butiko*




**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

### Sentenco

**Riĉa ne estas tiu, kiu havas multon – sed tiu, kiu ne bezonas multon .**

Johano Krizistomo

**Redaktofino**
**de n-ro 3/2013: 15-05-13**

**Redaktofino**
**de n-ro 4/2013: 15-08-13**

**Redaktofino**
**de n-ro 5/2013: 15-10-12**

# Ŝakfloroj floras en Aprilo

La *meleagra fritilario* estas mediteranea planto, kiu en la sovaĝa vario tre malofte kreskas ankaŭ en Bavario, Vestfalio kaj Brandenburgio en Germanio.
Ekzistas violkolora kaj blanka varioj, kiuj ambaŭ prezentas petalan desegnon, simila al la ŝakluda breto. Ekzistas kulturvarioj en ĝardenoj.
En Hamburg en kelkaj naturprotektitaj lokoj en *Duvenstedter Brook* kaj *Moorwerder* kreskas unuopaj ekzempleroj.
Vidinda amaso de 80.000 plantoj troveblas sur 145 hektaroj apud la flanka brako de la rivero Elbe en Hetlingen apud Wedel. La vilaĝanoj tie okazigas ŝakfloran feston kun budoj inter la malnova kaj la nova digoj. La gazeto ***Hamburger Abendblatt*** informos pri la preciza dato.



Foto: Juliane Herrmann




# Tiom kiel vi bezonas

## Evangelia eklezia kunveno de la 1a ĝis 5a de Majo 2013 en Hamburg

*KELI - Kristana Esperanto-Ligo Internacia* ankaŭ partoprenos en la akompana ekspozicio por informi per informstando pri Esperantro.
*Hedwig Fischer*, vicprezidantino de germana KELI ricevos helpon de Hamburgaj klubanoj. La stando troviĝos en la *foiro de la eblecoj,* en la sekcio *ekumeno*:
Halo A1, stando H17.

# Publika legado de aŭtoro

La 1an de Fabruaro 2013 *Thorsten Süße* legis el sia nova germanlingva krimromano ***Toter Lehrer, guter Lehrer***. Venis 21 personoj, el kiuj ses ne estis klubanoj. Por tia publika legado tio estas bona rezulto.
La aŭtoro unue malkaŝis, ke li estas psikiatro. Pro tio li bone scias pri la pens- kaj kondutmanieroj de la priskribitaj personoj en la romano.
Li elektis kelkajn tre interesajn ĉapitrojn el la libro. Kiam aperis frazoj en Esperanto, li ne tuj tradukis ĉion, do tiuj, kiuj komprenis, havis okazon amuziĝi pri tio. Sed traduko ne necesis por la aliaj, ĉar li tiel emfazis la frazojn, ke oni konstatis ke la parolanto estas agresema.
Per tiu kvazaŭ aktora prezentado li kreis etoson, ke la aŭskultantoj vere kun intereso sekvis tra la priskribitaj scenoj. Tamen li ne malkaŝis la tutan historion; do por scii ĉion, oni devas legi la libron.



**Thorsten Süße**

Foto: Privat

*Benno Klehr*

# Einladung zur außerordentlichen Mitgliederversammlung

am Freitag, dem 24. Mai 2013
um 19:30 h, im Kultuladen St. Georg,
Alexanderstraße 16, 20099 Hamburg

**Vorgesehene Tagesordnung**:

Wiederholung des Kassenberichts 2012
Bericht der Kassenprüfer
Diskussion und Beschluss darüber
Entlastung des Vorstands
Beschluss zur Annahme der neuen Satzung

Der Vorstand

# NIA PROGRAMO

Ĵaŭdaj klubvesperoj: en ***Kulturladen St. Georg***
Alexanderstraße 16 • 20099 Hamburg
19.00 h la membroj kolektiĝas en la kafejo • 19.30 h vespera prelego laŭ la suba programo

## Aprilo

**4** *Benno Klehr:*
**Historio de HES**

**11** *Jürgen Wulff* kaj *Ralph Glomp*
invitas al komuna trinkado
kaj prezentas kvizon:
**4 fotoj - 1 vorto**

**18** Filmo: **Sukceno**
Informoj el Vikipedio:
„Sukcena Ĉambro“

**24** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunveno** (publika)

**25** *Benno Klehr:*
**GRAVE (GRAmatika VEspero)**
Internaciaj Ekzamenoj
- Gramatika antaŭteksto
baza kaj meza niveloj

## Majo

**1-5** **Evangelia Eklezia Kunveno**
en Ekspozicia halo A1, stando H17

**2** Der Vorstand lädt ein:
**Abschlussbesprechung**
**der neuen Satzung**

**9** **Ĉe-Ellen-ir-tago**
*Dominik Grauert:*
14:00 h ĉe Kulturbutiko
komuna biciklado

**16** Filmo:
**Die Herkunft unserer Sprache**

**17-20** **Germana Esperanto-Kongreso**
en Nurenbergo (Nürnberg)

**22** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunveno** (publika)

**23** **sen programo**

**24** Vendredo 19:30 h
**Außerordentliche**
**Mitgliederversammlung**

**30** **Germana Esperanto-Kongreso**
**en Nurenbergo** – raportoj

## Junio

**6** *Ralph Glomp:*
**Falsaj amikoj 3**

## Hamburg-Enigmo



Kie troviĝas la apuda portalo?

Foto: Klehr



***Ralph Glomp*** kaj ***Jürgen Wulff*** oficiale registrigis sian partnerecon la 8an de Marto 2013 en la edziga oficejo Hamburg-Wandsbek.

## La cikonioj Rolf kaj Maria



Foto: André Karwath

Jam la 25an de Januaro 2013 la unua cikonio de Afriko, kie ĝi pasigis la vintron, revenis al sia nesto en Hamburg. Cikonioj kutime dum multaj jaroj revenas kun la sama partnero al la sama nesto. La 1an de Marto ankaŭ lia „edzino“ Maria alvenis en Hamburg-Curslack. En la pasinta jaro en Hamburg estis 19 cikoniaj paroj, kiuj kreskigis 46 idojn en la malsekaj herbejoj en la orientaj kamparaj kvartaloj de Hamburg.
Por rigardi la cikoniojn eblas alklaki retan kameraon:
www.NABU-Hamburg.de/storchenwebcam

## Eŭropa Tago en Norderstedt

5a de Majo 2013, 11-14 h
en *Kulturwerk am See*
Apud U-Norderstedt Mitte ekiras
Buso 293 ĝis *Norderstedt Stadtpark*

## Esperanto an der Uni Hamburg

im Kulturkursprogramm des AStA:

### Esperanto – pli ol lingvo

(mehr als eine Sprache)

Kursleiter: Peggy Ley

Kursbeginn:
Donnerstag, 18. April, Uhrzeit: 18-20 Uhr
Anzahl der Abende: 10

Anmeldebeginn: Dienstag, 02. April 2013
ANMELDESCHLUSS FÜR TEILNEHMER/INNEN: Mittwoch, 10. April 2013

## Mitgliedsbeiträge 2013

50 € - normale Mitgliedschaft / Personen mit Einkommen
25 € - Familienangehörige, Jugendliche, Mitglieder ohne eigenes Einkommen
12 € - Kinder und Jugendliche bis 16 Jahre

Kontoverbindung des Esperanto-Verein Hamburg e.V.:

GLS Gemeinschaftsbank, BLZ 430 609 67

Konto Nr. 2006716500

**Mitgliedsbeiträge und Spenden** an den Esperanto-Verein Hamburg können in der Einkommensteuererklärung geltend gemacht werden. Soweit die einzelne Zahlung 200 Euro nicht übersteigt, genügt es gemäß § 50 Abs. 2 Nr. 2 EStDV, den Zahlungsnachweis (abgestempelter Überweisungsbeleg oder Kopie des Kontoauszugs) zusammen mit der nachstehenden Erklärung einzureichen. Aus den Unterlagen muss erkennbar sein, ob es sich um einen Mitgliedsbeitrag oder eine Spende handelt. Bei höheren Beträgen wird Ihnen unaufgefordert eine Spendenbescheinigung zugesandt.

Jürgen Wulff
1. Vorsitzender

**Bescheinigung über Gemeinnützigkeit**

Der Esperanto-Verein Hamburg e.V. ist wegen Förderung des Völkerverständigungsgedankens nach dem letzten uns zugegangenen Freistellungsbescheid des Finanzamtes Hamburg-Nord in Hamburg vom 19.11.2012 unter der Steuernummer 17/ 420/07983 als gemeinnützigen Zwecken dienend anerkannt und nach § 5 Abs. 1 Nr. 9 des Körperschaftsteuergesetzes von der Körperschaftsteuer befreit. Es wird bestätigt, dass die Zuwendung nur zur Förderung des Völkerverständigungsgedankens gemäß § 52 Abs. 2 Nr. 13 AO verwendet wird.

# Kirko fariĝos moskeo

La unuan fojon en Germanio, vendita evangelia kirko fariĝos moskeo. La iama *Kapernaum-kirko* en Hamburg-Horn jam ekde 2002 ne plu etas sanktigita loko. Ĝi estis vendita kune kun apudaj konstruaĵoj al privatulo en 2005, kiu tie konstruis loĝ- kaj flegado-centron por maljunuloj. La iama kirko estas protektita de la leĝo por protektado de valoraj monumentoj, ĉar ĝi estis konstruita en la jaroj 1958 ĝis 1961 laŭ planoj de fama arkitekto *Otto Kindt* (1909-2006).
Fine de 2012 la *Islama Centro Al-Nour* aĉetis la konstruaĵon, por tie instali moskeon. Multaj homoj kritikas la vendadon de kirko al islamanoj. Ankaŭ la katolika help-episkopo *Hans-Jochen Jaschke* diris, ke estas misfaro, el kirko fari moskeon, kvankam la tiama *Papo Benedikt* diris, ke evangeliaj preĝejoj ne estas veraj kirkoj.
La evangelia episkopino de Hamburg, *Kirsten Fehrs*, diris ke ŝi ne jubilas, sed la konstruaĵo almenaŭ restos „domo de Dio".



**La iama *Kapernaum-kirko***
Foto: JoernM/Wikimedia

# Grandaj ekspozicioj en Hamburg

La **Internacia Konstrua Ekspozicio** IBA, „Urbo en estonteco“, la 23an de Marto malfermis la jaron de prezentadoj sur la elbo-insulo *Hamburg-Wilhelmsburg.* Ekde la 26a de Aprilo en la sama kvartalo okazos la **Internacia Ĝardena Ekspozicio** IGS, „Ĉirkaŭ la mondo tra 80 ĝardenoj“.

# Pli multaj uzantoj de metrooj

La hamburga metro-sistemo transportas pli da pasaĝeroj ol oni atendis. Fine de la pasinta jaro oni decidis, ne anstataŭi la malnovajn vagonojn per la novaj (legu en EHH 3/2012), sed aldone al la malnovaj.
Nun la entrepreno HHA komunikis ke ankaŭ sur multaj buslinio oni plioftigos la busveturadon.

# Plej multe uzata buso

60.000 homoj ĉiutage uzas buslinion 5 en Hamburg. Ĝi estas la plej multe uzata linio en Eŭropo
La urbo nun investas 259 milionojn da eŭroj por plirapidigi la busojn dum la tempo de densa trafiko, kiam la busoj ofte malfruiĝas. La haltejoj estas tiel ŝanĝitaj, ke la cetera trafiko en ĝenas, nove programitaj semaforoj privilegias la busojn.

# Solvo de Hamburg-Enigmo



La portalo estas ĉe la enirejo de la policejo en Klingberg 1, konstruita en 1907 laŭ planoj de *Albert Erbe* kiel policejo kaj administrado de la kamparaj regionoj de Hamburg. La arkitekto imitas la formojn de barokaj burĝaj domoj en Hamburg.

# Daniel kaj Åsa Voß el Burg

## gajnis premion en filmkonkurso de GEA

Rigardu la premiitajn filmojn en YouTube:
**Plej bona filmo:**
***Pasporta Servo!*** - Oleg Zabolotniy (Ukraino)
http://www.youtube.com/watch?v=hkQZUI5f_ck

**Plej bona ideo 1:**
***Ĉu vi imagas?*** von Eva Fitzelová (Slovakio)
http://www.youtube.com/watch?v=6rfywP8InnI
**Plej bona ideo 2:**
***Ideevolution*** - Daniel kaj Åsa Voß (Germanio)
http://www.youtube.com/watch?v=-YKgkgeZyjY

# Esperanto-movado en Demokrata Respubliko Kongo (DR Kongo)

*de Gerald Roemer*

En novembro de pasinta jaro ekfunkciis interesaj kontaktoj perretaj al esperantistoj en orienta DR Kongo, inter alie al Mana Namutema Brinson (bildo). Li gvidas Esperanto-klubojn en Bukavu kaj Kiliba, en la regiono Suda Kivo apud la granda Tanganjika-lago, limregiono kun Burundio kaj Ruando.



**Mana Namutema Brinson**

De tempo al tempo vi estonte legos en tiu ĉi informilo pri la historio, geografio, ekonomio, pri filozofio, religio kaj kutimoj, la sortoj kaj esperoj de la homoj tie, la iniciatemaj esperantistoj kaj iliaj aktivecoj.
Ni komencu alproksimiĝi al la kulturo de fora afrika lando ekvatorapuda - per fabelo.
Legu la fabelon pri la bufeto kaj la eta stelo sur la venontaj paĝoj.

# LA BUFETO KAJ LA ETA STELO

*Verkita de Mana Namutema Brinson*

Sebastiano (1), la bufeto, sidis somervespere, marĉestrande kaj rigardis la ĉielon kvakante. Subite li klare vidis bluan steleton, kiu okulsignis al li. Li frotis siajn okulojn, denove rigardis: Nenio plu! La steleto ŝajne rigardis aliloken trafcele sian admiron. Kia bela ŝi estis, vere tiu stelo! Li tuj decidis ŝin nomi „Blueta“. Ŝi brilis, Blueta, scintilis ardege. Pro tio li eĉ forgesis kvaki. Ŝin okulvorante ĝis vidi stelojn ĉie, eĉ tie, kie neniu estis, fine enamiĝis la bufeto je Blueta.
Ĉiuvespere Sebastiano gvatis la steleton. Li eĉ forgesadis kvaki. Kelkvespere ŝi okulsignis al li: Li tutcertis pri tio. Kaj multnokte nenio plu. Stranga ideo eniris lin kaj tiu ideo daŭre maltranviligis lin. Li nepre volis steliĝi por kapabli ami Bluetan, laŭ la ununura maniero digna por ŝi: La stelmaniero. Li vizitis la plej maljunan ranon de la marĉeto. Ŝi estis senaĝa kaj estis, laŭdire, duonsorĉistino. Tio dependis de tio, kion oni petis de ŝi. Oni timis ŝin kaj vizitis ŝin nur ekstremokaze. Ŝi loĝis marĉetofine, naŭzloke.







Sorĉfeino, tia estas ŝia nomo, diris al li: „Nu! denove amanto, la deka de la tago. Rakontu viajn malfeliĉojn.“ Sebastiano rakontis sian historion. Sorĉfeino grumblis: „Ne banalaĵo. Mi tuj vidos, kion mi povas fari. Nu, dum mi pripensas, turnu la ĉerpilon en la kaldrono». Sebastiano, hororkaptita, alproksimiĝis la ujegon, kiu vomige odoraĉis, turnis bedaŭranta sian alvenon. Sorĉfeino ekkris: « Mi trovis. Unue vi leporiĝos. Ŝi aldonis pinĉprenon da pluraj pulvoraj miksaĵen: Trinku, glutu unufoje, nur unufoje. Bufoti, bufota, lepori, lepora! » Sebastiano ne havis la rifuztempon, ĉar jam la ĉerpilo enfaŭkiĝis. Li glutis la aĉan miksaĵon kaj eliris la kabanaĉon. Li aliris sian  plej amatan arbon, lastfoje li sin diris, por admiri sian stelon. Arde rigardante li sentis strangajn tremojn en dolorigita dorso sia. Koncentriĝante sian korpon, li malkovris deziregon por gigante salti.  Kial ne, li sin diris, tio eble helpos min. Li do saltis kaj surteriĝis multe pli malproksime ol li konjektis. Liaj kruroj gigante grandiĝis kaj li devis konfesi, ke li nun posedis enorman orelparon kaj vosteton. Fakte esti leporo ne situas malbone. Li trakuris la arbaron tutanokte, tute ekscitita kaj ĝoja. Frumatene li observis la ĉielon kaj vidis sian stelon, kiu ridetis antaŭ ol malaperi. Tiam li denove aliris Sorĉfeinon.



« Mi atendis vin, ŝi diris. Nun trinku», ŝi diris novafoje, post kiam ŝi aldonis malsamajn ingrediencojn entrinkaĵen. Sebastiano prenis iomete da ĝi kaj diris: „Mi havas problemon, mi nenion havas por pagi“. „Mi tion sciis, grumblis Sorĉfeino; la plimulto de la marĉloĝantoj estas tiaj. Ĉiel, knabo mia, tio, kion ni faras, estas tre danĝera. Kaj mi ne certas, ke ni sukcesos.»   Li elkabaniĝis, ĉar li eksentis stranĝaĵojn. Liaj oreloj etiĝis, lia vosto longiĝis, flavruĝiĝis kaj pompiĝis. Li estis vulpigita. Li plenplene esploris sian novan situacion dank‘ al siaj dologiritaj kruroj traarbare ĉiudirekte. Iom antaŭ la tagiĝo li rigardis ĉielen kaj sen nenia ajn eraro li vidis, ke Blueta turniĝis ĉirkaŭ si mem kaj okulsignis al li. Kiam la stelo paliĝis, li rapidis Sorĉfeinen.
«Nu, jen vi, ŝi diris. Trinku.» Li glutis kaj foriris. Iom pli malproksime li haltiĝis, ĉar korno kreskis liafronte, lia bela vosto estis nur memoraĵo kaj liaj sveltaj kruroj longiĝis. Lia potenca cervokorpo galopis sublune. Kiam li funde esploris la ĉielon, ŝajnis al li, ke Blueta pli proksimiĝis. Li aliris Sorĉfeinon. «Mi rimarkas, ke nia plano bonege funkcias. Trinku tri ĉerpilojn kaj eliru kiel eble plej rapide!» Li fulmkuris ĝis la maldenseĵon kaj pro doloro elefante blekis levante samtempe sian tutnovan rostron. Li surtretis la arbarajn herbojn kaj voris la novajn foliojn de la arbopintoj. Li sin turniĝis en la marĉeto kaj sian korpon aspergis. Elfirmamente Blueta dufoje okulsignis al li. Ŝajnis al li, ke ŝi ankoraŭ pli proksimiĝis.

«Ĉifoje, tio tuj serioziĝos!« diris Sorĉfeino al la elefanto, kiu kabaneksteris. «Ĉu vi vere volas steliĝi?» «Jes,» Sebastiano respondis. «Bone, tre bone, glutu la maksimumon, kiun vi kapablas». Li alprokimiĝis la rostron kaj englutis la tutaĵon trinkeblan. Ŝajnis al li, ke liaj potencaj kruroj kuniĝis kaj fariĝis... Ne, ne eblis! Nu jes ja evidentiĝis: Tutcerte li enradikiĝis. Ĉiuj liaj folioj admiris la steleton, kiu okulsignadis kaj ŝajnis vere grandigita. Sorĉfeino per nova miksaĵo akvumis la malsupraĵon de la ŝveltrunko de Baobabo (2). Uragana vento ekis, ŝtormego ŝajnnaskita el arbo alfirmamentiris kaj trafis la lokon, kie sin trovis la steleto. Ŝi elĉieliĝis kaj falis, falis...! Blueta venis por serĉi Sebastianon, kiu finis sian transformiĝon, tuj kiam ŝi alvenis. Blueta havis ŝveleton okulloke. «Venu, ŝi murmuris», kisante lian vangon tutnovan. «Mi jam delonge atendis vin! Sed venu je la horo por viziti la stellernejon. Ni estos samklase kaj ne maltrankviliĝu, mi helpos vin en via malfruiĝo».
Sebastiano lastfoje rigardante la marĉeton sekvis Bluetan ĝurave...

Klarigoj:
(1)„Sebastiano“ estas nomo ankaŭ uzita en Kongo
(2) Baobabo estas grandega arbo (germane „Affenbrotbaum“). Mana sidante sur falinta baobabo arbotrunko en la arbaro verkis la fabelon.